






● La plej bela festo de la Esperanto-movado okazas ĉiu'jare dum la lasta semajno de februaro, ĉi-jare de la 18-a ĝis la 24-a.

● Antaŭ kelkaj jaroj, la tutmonda esperantistaro iniciatis[1] la *Semajnon de Internacia Amikeco.* De tiam, miloj da bild'kartoj, salut'leteroj tra'pasas land'limojn kaj oceanojn[2]. Ili portas korajn bondezirojn al malproksimaj amikoj. Homoj etendas amikan manon al fratoj. Ili verŝas reciproke[3] novan forton en la korojn.

● La Esperanto-amikaro ne hazarde[4] iniciatis tiun Semajnon. Nia lingvo ne povas vivi sen internacia amikeco. Malamikeco kaj milito estas niaj plej danĝeraj kontraŭuloj. *Esperanto fontas el paco,* amika kun'vivo, reciproka inter'kompreno; malpaco sufokas[5] la sen'liman, liberan voĉon de la *Internacia Lingvo.* Du sangaj mond'militoj klare pruvis tion.

● Ĉio, kio proksimigas la popolojn, kaj ĉio, kio for'puŝas ŝtonon de sur la vojo inter la popoloj, pliproksimigas la venkon de nia Lingvo Internacia. Ni, kiuj lernas la *„lingvon de amikeco",* neniam forgesu tion!

● Esperanto devas kontribui[6], ke la salut'vortoj, de jaro al jaro, mult'iĝu inter la popoloj. Kred'eble, ankaŭ viaj bon'deziroj multigos ilian nombron!

1. komencis ion novan/ 2. la tri plej vastaj maregoj/ 3. unu al la alia, ambaŭ'direkte/ 4. sen'kaŭze/ 5. mortigas per for'preno de aero/ 6. alporti ion por atingi celon.

## Al junaj amikoj

*Al leg'emaj amiketoj,*
*trans arbaro, stepo*[1]*, mar',*
*mi adresas kor'deziron*
*en kuranta Nova Jar':*

*Estu, vi, plej belaj floroj*
*de pac'ama famili'.*
*Kresku korpe kaj spirite*[2]*,*
*miaj karaj, pli kaj pli!*

*L. Jevsejeva*

## Konsilo

„*Kio helpas, pingveno*[3] *Pepino,*
*kontraŭ angino*[4]*?*"
«*Tri'foje tage,*
*en granda dozo*[5]*,*
*tute sen kosto:*
*frosto!*"

*L. Jevsejeva*

## *PROVERBOJ*

*Amu domon novan kaj amikon malnovan!*

*Kio iras el koro, venas al koro.*

*Amiko fidela*[6] *estas trezoro*[7] *plej bela.*

*Du manoj faras ĉion, sed unu nenion.*

1. tre vasta herbo'riĉa kamparo/ 2. anime, en pensado/ 3. ne'flugi'pova granda birdo de Antarkto/ 4. gorĝmalsano/ 5. iomo da kuracilo por unu fojo/ 6. ĉiam bona al iu/ 7. altvaloraĵo.

1. labor'amikino ▶

# Ĉiam ĝaje kaj diligente

ABC POR KOMENCANTOJ

Grandaj sukcesoj ligiĝas al junaj esperantistoj de hungara vilaĝo *Szirmabesenyő* (:sirmabeŝenjoe). Ĉi-aŭtune, ili festos la dekan dat'revenon de la Esperanto-instruado. Jen, kial mi vizitis ilian ĉarman instruistinon *Maria Busai* (:buŝai).

„*Kara samideanino, bon'volu ion rakonti al la sci'volemaj legantoj de Juna Amiko.*"

„Tre volonte!" ŝi diras kun rideto en la okuloj. „La komenco, en la jaro 1964, estis modesta. Mia kolegino[1] *Barbara Olajos* (:olajoŝ), instruistino en la 3-a klaso, kaj mi, ni sam'tempe komencis instrui la Internacian Lingvon, ĉiu en sia klaso. La infanoj lernis diligente, kaj, ĝis la fino de la lerno'jaro, ili bone progresis. Ni decidis aranĝi Esperanto-vesperon. Ni invitis ne nur la gepatrojn kaj la instruistaron de la lernejo, sed ankaŭ la esperantistojn el la proksima urbo *Miskolc* (:miŝkolc). Ĉi tiuj estis tre kontentaj pri la koncerto; tial, ni devis ĝin ripeti en la urba kulturdomo."

„*Kaj... kiel la grupo el'tenis la provon?*"

„Sukcese. Ĉe'estis multaj gastoj. Inter ili estis ankaŭ *Julio Baghy* (:bagi). La programo tre plaĉis al li, verŝajne tial, ke kvardek 10-jaraj infanoj tute mem'stare prezentis ĝin. Ni ambaŭ sidis inter la rigardantoj."

*Daŭrigo sur la 6-a paĝo!*

# LANDO, KIU RIDAS

● „Jen estas la plej bela lando, kian homaj okuloj iam vidis", diris *Kristoforo Kolumbo,* la 28-an de oktobro 1492, kiam li paŝis sur ĝian teron. Tiam, tri grupoj da indiĝenoj[1] loĝis sur la insulo. Ĉiu, el ili, havis sian kulturon. La indiĝenoj estis pacemaj, kaj iliaj armiloj[2] estis multe malpli perfektaj ol tiuj de la hispanoj, kiuj facile venkis ilin, kaj regis poste en la lando dum 400 jaroj.

● En la 16-a jar'cento, la kolonistoj[3] starigis malhomajn laborkondiĉojn por la indiĝenoj; sekve, ilia pli'multo mortis. La hispanoj anstataŭ'igis ilin per negroj[4] el Afriko.

● Kvankam ne estas eble, rakonti la historion de mia lando en kelkaj linioj, aŭskultu almenaŭ unu okazaĵon. Post longa kaj sanga milito kontraŭ Hispanio, en 1898, la popolo de Kubo jam sukcesis grave malfort'igi la hispanan armeon[5], kiam Usonaj soldatoj el'ŝip'iĝis tie, por *parto'preni en la milito.* En la sama jaro, Hispanio akceptis la malvenkon. Ĉu vi scias, kio okazis poste? La paco estis sub'skribita[6] en Parizo, de du flankoj: *Hispanio* kaj . . . *Usono!*

● Post kvar jaroj, Kubo fariĝis respubliko, sed de'penda de Usono, ĝis la venko de la socialisma revolucio, en la jaro 1959.

● Mia lando ne estas insulo, sed insularo, kiu konsistas el du ĉefaj insuloj: *Kubo,* la plej granda el la Antiloj, kaj la *Pina Insulo.* La Kuba insularo, tiu ĉi malgranda, sed riĉa kaj bela parto de la mondo, kuŝas en enviinda[7] loko: ĉe la en-



# KAJ LABORAS

irejo de la *Meksika Golfo*[8], kiel Anglio antaŭ Eŭropo, aŭ Japanio antaŭ la Azia mar'bordo.

● La klimato[9] de Kubo estas tre agrabla. Eĉ dum la plej varma sezono, oni ĝuas freŝajn vesperojn. Dank' al la formo de la insularo, la maraj ventetoj sentiĝas ĉie.

● Printempo kaj aŭtuno ne ekzistas en Kubo. Estas nur du sezonoj, rilate la pluvon: la seka sezono, de novembro ĝis aprilo, kaj la pluva sezono, de majo ĝis oktobro. La pluvo estas tiel grava ĉe ni, ke oni ne demandas: *„Ĉu estos malvarme?"*, sed: *„Ĉu pluvos hodiaŭ?"*

● Tropikaj[10] ciklonoj, uraganoj[11] estas niaj plej danĝeraj malamikoj, ĉar ili povas mortigi multajn homojn, neni'igi konstruaĵojn kaj kultur'kampojn. Jaroj da laboro malaperas en nur kelkaj horoj! La plej grandan parton de la insularo okupas vastaj kampoj de suker'kanoj[12], tabakoj[13], fruktoj, legomoj kaj kafo.

● En Kubo loĝas 8 100 000 homoj, historie divers-de'venaj. Eksterland'anoj miras iom'ete, kiam ili vizitas Kubon, ĉar malpaco inter la rasoj[14] ne ekzistas ĉe ni. Blankuloj, negroj, mulatoj[15], kaj eĉ ĉin-devenaj Kubanoj laboras, lernas kaj amuziĝas kune, en tiu ĉi lando, plena de belegaj sunaj ban'lokoj, pentrindaj montetoj kaj valoj.



*Sidejo de la Kuba Akademio de Sciencoj*

1. loĝantoj, kies pra'patroj jam loĝis en la sama loko/ 2. bataliloj/ 3. homoj, kiuj, per militoj, akiras teron ekster siaj land'limoj/ 4. nigruloj/ 5. soldat'aron/ 6. oni subskribis la pacon/ 7. envii: deziri havi ion, kion alia posedas/ 8. parto de maro, kiu larĝe en'iras en kontinenton/ 9. tuto de la veteraj kondiĉoj/ 10. varmzonaj/ 11. fortegaj ventegoj/ 12. altaj rektaj kreskaĵoj kun tuba trunko/ 13. kreskaĵoj, kies sekajn foliojn oni uzas por fumi/ 14. homoj de sama de'veno, de samaj pra'patroj/ 15. mulato: ido de negra kaj blankhaŭta gepatroj/ 16. kion oni fondis/ 17. kion oni konas/ 18. diras kelke da vortoj pri io/ 19. tute for'donis por/ 20. arto bel'literatura.

● La ĉef'urbo de la Respubliko estas *Havano* (kun 1 500 000 loĝantoj), fondita[16] de la hispanoj en la jaro 1520.

● Nia kulturo estas malmulte konata[17], kvankam la Kuban muzikon, kiel *mambo* kaj *ĉa-ĉa-ĉa,* oni plezure aŭskultas ĉie en la mondo. Lasta'tempe, la *„Guantanamera"* (:gvanta'namera), kun la versaĵo de *José Martí,* (:hosee martii) trairis ĉiujn landojn de la mondo.

● En la kulturo de Kubo, kuniĝas nia du'opa deveno: kulturo de la Eŭropaj koloniistoj, kaj tiu de la Afrikaj negroj.

● La Kubanoj apartenas al grandega sam'lingva familio: Latina Ameriko kaj Hispanio. El'staraj verkistoj de nia lando riĉigas la hispan'lingvan literaturon. El ili, mi mencias[18] nur la grandegulon, *José Martí,* kiu dediĉis[19] sian tutan vivon por Kubo, kaj mortis en batalo kontraŭ la hispanoj, kiujn li tamen ne malamis. Mi finas per liaj vortoj pri la poezio[20]: *„La poezio, kiu kun'igas aŭ dis'igas, kiu sub'tenas aŭ fal'igas la animojn, kiu donas fidon al la homo aŭ forprenas ĝin, estas pli necesa al la popoloj ol la industrio, kiu donas nur por'vivaĵon, dum la alia donas al ili la deziron kaj forton vivi."*

*O. Otero*

---

*Daŭrigo de la 3-a paĝo*

*„Ĉu io rezultis el la sukceso?"*

„Ho jes. Tuj post la koncerto, *J. Baghy* promesis al la roluloj, ke ili povos parto'preni en la *Infana Kongreseto,* dum la *52-a Universala*[2] *Kongreso de Esperanto.*" (1966, *Budapeŝto)*

*„Tia sciigo certe entuziasmigis la geknabojn!"*

„Multe. Ili daŭrigis la lernadon kun du'obla energio."

*„Kaj, fine, kiom da infanoj partoprenis en la Kongreseto?"*

„El nia lernejo: dek kvin. Kiel feliĉaj ni vojaĝis al Budapeŝto! Kaj kia ĝojo estis inter'amik'iĝi per Esperanto kun ekster'landaj infanoj! Dum la Kongreso, ni el'paŝis per aparta kultur'programo tri'foje. Kaj poste, en septembro, amase venis salut'kartoj el la tuta mondo."

*„Ĉu via rondo pasigis kelkan tempon ekster'lande?"*

„Dufoje ni somerumis[3] en Bulgario. Unua'foje, en la jaro 1967. Ni ricevis proponon el la urbo *Dimitrovgrad,* pri reciproka[4] vizito. Denove ek'estis vigla preparado. La bulgaraj amikoj venis unue. Ili pasigis ĉe ni du semajnojn. Poste, ni vojaĝis al Bulgario por tri semajnoj, el kiuj du rondajn semajnojn ni pasigis ĉe la belega *Nigra Maro,* en pionira tendaro. Ĉe la gastig'antoj ni lernis belajn kantojn, faris ŝip'ekskursojn, donis koncertojn, kaj revenis gajaj, kun multaj ĉarmaj memoroj el la sun'brila Bulgario, lando de rozoj.

En la sekvanta jaro, niaj esperantistoj somerumis en *Sikonda* (:ŝikonda), kie oni organizas la *Internacian Pioniran Tendumadon* por esperantistaj pioniroj, ĉiu'jare."

*„Dum mallonga tempo, vi do ĉiuj akiris multan plezuron per la Internacia Lingvo; sed ĉu post'restis io videbla, krom centoj da agrablaj memoroj?"*

„Nia Esperanto-rondo jam havas amikojn preskaŭ en la tuta mondo",



*I. Kocsán*
*I-a premio*



*M. Bossányi*
*I-a premio*



*M. Sedlák*
*II-a premio*

ŝi respondas kontente. „Ni inter'ŝanĝas albumojn[5], kun lernejoj el diversaj landoj; ni havas riĉan kolekton de bild'kartoj pri urboj, pejzaĝoj[6] kaj naciaj vestaĵoj; ni kolektas poŝt'markojn kaj pupojn; ni interŝanĝas desegnaĵojn kun Nederlanda lernejo. Ĉiujare ni aranĝas ekspozicion[7] en la lernejo."

*„Eble, certaj legantoj opinias, ke ni tro laŭdas vian agadon. Sed, feliĉe, en Hungario jam ekzistas io, per kio oni povas mezuri la rezulton. Mi pensas pri la tut'landa Esperanto-konkurso por lernejanoj. Kiajn atingojn havas la lernantoj de vi ambaŭ?"*

„En ĉiu jaro, 3 aŭ 4 infanoj akiras rajton partopreni en la landa konkurso en *Gyula* (:djula), kaj ili atingas bonajn lokojn. En julio 1973, ni gajnis du unuajn lokojn kaj unu duan lokon." (Vidu la portretojn!)

*„Mi elkore gratulas ilin! Kaj necesas tuj aldoni: tia sukceso ripetiĝas ĉe ili, jaro post jaro. Ĉu, ĉi-somere, okazis ankoraŭ io rakontinda?"*

„Jes. Dek geknaboj el *Szirmabesenyő* somerumis en la Budapeŝta Pionira Urbo *Csillebérc* (:ĉilleberc). Tio estis pro ilia el'stara Esperanto-agado."

*„Laŭ via opinio, el kio venas viaj sukcesoj?"*

„El du fontoj, nome: el serioza lernado kaj el gaja mem'stara agado de la lernantoj."

*„Kion vi esperas de la sekvantaj jaroj?"*

„Esperanto jam, ĝis nun, donacis multajn belajn travivaĵojn por la infanoj; tial ili lernas ĝin diligente. Mi deziras, ke plue multiĝu la infanaj ĝojoj, kaj ke estiĝu novaj amikaj inter'ligoj pere de la Internacia Lingvo!"

*„Plenum'iĝu via deziro! Fine, al la 10-jara jubileo[8], akceptu tut'koran bon'deziron de la redakt'istaro, kaj bonvolu trans'doni niajn plej varmajn salutojn al via kolegino kaj al ĉiuj gelernantoj!"*

G. *Kurucz* (:kuruc)

2. tut'monda/ 3. pasigis someron en ripoz'loko/ 4. tia, ke ambaŭ agas/ 5. kajerojn kun dikaj folioj por ekz. fotoj/ 6. vidindaj lokoj de la naturo/ 7. el'montradon de objektoj/ 8. datreveno.

# LA PLEJ FORTA

*NANAJA*[1] *FABELO*

*Nameko,* juna knabo, ofte diris al siaj amikoj:

„Mi estas la plej forta en la mondo."

Foje, Nameko glit'kuris kaj falis. Lia kapo forte al'bat'iĝis al la glacio. La knaboj diris al li:

„Ne estas *vi,* kiu estas la plej forta; la glacio batis vin."

Nameko demandis la glacion:

„Aŭskultu, glacio! Ĉu ekzistas iu, kiu estas pli forta ol vi?"

„Jes", respondis la glacio. „La suno estas pli forta ol mi. Kiam ĝi brilas, mi degelas[2]."

La knaboj iris al la suno. Ili longe marŝis. Fine, ili al'venis.





„Hej, suno! La glacio venke batis min; vi igas la glacion degeli; sekve, vi estas pli forta ol mi."

La suno longe meditis[3]; poste ĝi respondis:

„La nubo estas pli forta ol mi. Kiam ĝi kovras min, miaj radioj ne povas ĝin penetri."

La knaboj iris al la nubo. Ili sur'iris altan monton, kaj ek'vidis la nubon. Nameko diris:

„Aŭskultu, nubo! La glacio estas pli forta ol mi, la suno estas pli forta ol la glacio, vi estas pli forta ol la suno; sekve, vi estas pli forta ol ni ĉiuj."

Sed la nubo ne povis respondi, ĉar vento leviĝis kaj for'pelis[4] la nubon. Tiam, Nameko vokis al la vento:

„Aŭskultu, vento! La glacio venkis min, la suno igis la glacion degeli, la nubo kovris la sunon, vi forpelis la nubon. Vi estas, do, pli forta ol ni ĉiuj. Ĉu vi povas ek'movi monton?"

Forte ek'ventis; sed la monto staris kiel antaŭe.

„Eĥ!" diris Nameko. „Jen la monto estas pli forta ol vi!"

„Monto! Monto!" vokis Nameko. „Ĉu, do, vi estas la plej forta?"

„Ne", respondis la monto. „La arbo estas pli forta ol mi. Ĝi kreskas sur mia dorso, kaj dis'er'igas min per siaj radikoj."

„Ej, aŭskultu, arbo! Ĉu vi estas, do, la plej forta?"

La arbo ek'zumis[5] per la folioj:

„Jes, mi estas la plej forta!"

„Nu, tio ne estas vera!" responde kriis Nameko. Li kaptis hakilon, kaj fal'igis la arbon.

Kaj ĉiuj ekvidis, ke la homo estas la plej forta en la mondo.

1. nanajo: ano de popolo en Sovetunio/ 2. fariĝas flua/ 3. pensis profunde/ 4. for'ir'igis/ 5. murmuris per sono: ssss.






## 1+1=1

Jes, jes. Ne estas eraro! Tio ĉi pruv'iĝos, kiam vi solvos la enigmon, kiun ni prezentas ĉi tie.

Jen estas la tasko: Konstruu vort-kun'metojn helpe de la bildoj! Ju pli multe, des pli bone. Ĉiu bildo povas, pli ol unu fojon, esti konstru-elemento. Ni premios la plej lertajn solvojn.

La leterojn adresu al: s-ro *Dieter Berndt,* Rosenfelder Ring 46, DDR-1136 *Berlin.* Limdato: *la 30-a de marto 1974.*



● Ĉiu ĝojas, kiam venas leter'portisto, kaj alportas poŝtaĵon. Kaj se li ne venas en iu tago, oni atendas la sekvan tagon kun nova espero.

● Multaj volas scii almenaŭ iom pri la tuta organizo de la poŝto. La poŝto estas malnova afero. Ĝi staris, ĉe la antikvaj[1] kulturaj popoloj, en alta ŝtupo de evoluo[2]. La antikvaj Romianoj organizis *„cursus publicus"* (:kursus publikus=publikaj kuroj), kiu bone funkciis, kiel la nun'tempa poŝto. Tial, la nomo *„poŝto"* de'venas de la latinaj vortoj *„posita statio"* (:posita stacio), tio estas: stacio por ŝanĝi kurierojn[3], ĉevalojn kaj ĉarojn[4].

● La ĉefa tasko de la poŝto estas la trans'port'ado de informoj kaj sci'igoj. La nuntempa poŝto estas organizaĵo perfekta, plej ofte ŝtata, sen kiu la moderna ŝtato ne povus ekzisti. Kaj la taskoj de la poŝto trans'iras eĉ land'limojn; tial, jam de 1874, ekzistas la *Tut'monda Poŝta Unio*[5].

● Gravan rolon, en la evoluo de la poŝto, ludis ankaŭ kelkaj proponoj. Unu el ili estas la propono de la poŝt'marko. La unua poŝtmarko aperis en 1840. La tiama poŝtestro de Granda Britio, *Rowland Hill* (:roŭlend hil) proponis fakte nur la for'igon de malsimpla kalkulado pri la poŝtaj tarifoj[6]. La sendanto pagu tia'maniere, ke li sur'gluu poŝtmarkon, kiun la poŝto sen'valor'igas per stampilo[7]. La ekzemplon de Granda Britio baldaŭ sekvis la ceteraj ŝtatoj. Kaj la poŝtmarkoj, kiuj — komence — estis nur atesto pri afranko[8], baldaŭ iĝis objektoj de kolektado. Tiu






ĉi kolektado ricevis la nomon „*filatelio*", en 1864. La hodiaŭaj poŝtmarkoj servas ankaŭ por kulturaj celoj, kaj ili ofte estas tre art'ismaj. La filatelio iĝis tre utila ŝat'okupo.

● La moderna vivo bezonas rapidan poŝton; tial maŝinoj trans'prenas la pli'multon de la laboro. Ili stampas leterojn, kontrolas poŝtmarkojn kaj distribuas[9] leterojn. Por ke la distribuado de la leteroj estu perfekta, oni en'kondukis, en multaj ŝtatoj, poŝtajn kod[10]numerojn, kaj la distribuado okazas ne laŭ urboj, sed laŭ numeroj.

● La evoluo de la poŝto estas la evoluo de la homaro. La poŝto apartenas al la bonaĵoj de la vivo. Ĝi pli'beligas nian vivon, ĉar ĝi ebl'igas kontakton[11] inter malproksimaj amikoj.

● Ankaŭ nia lingvo dis'vast'iĝis, komence, ĉefe per la poŝto, kaj nur poste venis la personaj renkontoj. Oni povas diri, ke tiu malgranda koverto, kiu venas al ies adreso, estas simbolo[12] de paco, ĉar, dum milito, la poŝto ne funkcias regule. Do, ankaŭ ni ĝojas, kiam venadas al ni kovertoj kun nia adreso.

*J. Chvosta* (:ĥvosta)

1. pra'tempaj/ 2. antaŭen'iro, progreso/ 3. homojn, kiuj kure portas informojn, sci'igojn/ 4. simplajn 4-radajn vetur'ilojn/ 5. unu'iĝo/ 6. tabeloj pri prezoj/ 7. stampi: marki ion per sur'premo fare de speciala ilo/ 8. antaŭa pago, por sendi poŝtaĵojn/ 9. apart'igas/ 10. numero, anstataŭ nomo/ 11. inter'ligon/ 12. bildo aŭ objekto, kiu vekas en ĉiu homo la saman penson.









# PORĈIAM'A KALENDARO

Certe, vi ofte volas scii, en kiu semajno-tago okazis iu grava dato. Vi scias, ekzemple, ke la spac'veturo de *Gagarin* okazis la 12-an de aprilo 1961. Kiu tago estis tiam? — Merkredo! Vi malkovros ĉi tion per la apuda porĉiama kalendaro.

La 1-a tabelo prezentas la tagojn de la semajno. Sub ili, en kolonoj, vi vidas la jarojn ekde 1957 ĝis 1984. Laŭ la tabelo, vi povas konstati, *kiun tagon trafis la 1-a de januaro*. Super 61 (=1961) vi trovas *dimanĉon*. La 1-a de januaro 1961 estis, do, dimanĉo. Sed kiel diveni la 12-an de aprilo? En tio, helpas vin la 2-a tabelo.

Kiam januaro komenciĝas per dimanĉo, tiam aprilo — laŭ la 2-a tabelo (aprilo: -1) — komenciĝas per sabato. (Mi pasis unu tagon maldekstren.) Kaj nun, vi komencas nombri laŭ la tagoj de la semajno (1-a tabelo, ekde sabato ĝis la 12-a; kaj tie, vi trovas: *merkredo!*

Vi vidas ruĝajn nombrojn en la 1-a tabelo. Ili signas la super'jarojn, kiam februaro konsistas el 29 tagoj. En tiuj jaroj, ĝis la 29-a de februaro, konsideru la *unuan* nombron; de la 1-a de marto ĝis la 31-a de decembro, la *duan*.

Vi povas laŭ'plaĉe pli'long'igi la kalendaron, ĉar la tagoj ripetiĝas regule. Se, anstataŭ 1957, vi prenos 1929, tiam la vico finiĝos per 1956. Same: 1901 — 1928, 1873 — 1900, 1845 — 1872 k. t. p.; aŭ antaŭen: 1985 — 2012, 2013 — 2040 k. t. p.

Kiam vi serĉas daton el la 19-a jarcento, aldonu unu tagon, ĉar 1900 ne estis superjaro, nek 1800; sed 2000 estos superjaro.

Praktika konsilo: Kiam vi serĉas la lastajn tagojn de la monato, ne forgesu, ke la 8-a, 15-a, 22-a, 29-a ĉiam trafas tiun tagon, kiu estis la 1-a de la monato!

Alia ekzemplo: *la 15-a de marto 1848.* 1848 estas superjaro kiel 1960. Ĉar temas pri marto, mi prenas la duan ruĝan nombron, super kiu troviĝas: sabato. Ĉe marto: +3. Sabato + 3 = mardo (dimanĉo, lundo, mardo). Kaj ankaŭ la 15-a estis mardo, plus unu tago (pro la 19-a jarcento): *merkredo!*

Mi deziras al vi multajn sukcesojn!

*G. Kurucz* (:kuruc)

*1-a tabelo*

| LUNDO | MARDO | MERKREDO | ĴAŬDO | VENDREDO | SABATO | DIMANĈO |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | 57 | 58 | 59 | 60 | 60 | 61 |
| 62 | 63 | 64 | 64 | 65 | 66 | 67 |
| 68 | 68 | 69 | 70 | 71 | 72 | 72 |
| 73 | 74 | 75 | 76 | 76 | 77 | 78 |
| 79 | 80 | 80 | 81 | 82 | 83 | 84 |
| 84 | | | | | | |

*2-a tabelo*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Januaro | 0 | Julio | —1 |
| Februaro | +3 | Aŭgusto | +2 |
| Marto | +3 | Septembro | —2 |
| Aprilo | —1 | Oktobro | 0 |
| Majo | +1 | Novembro | +3 |
| Junio | —3 | Decembro | —2 |

## ŜTUPARO

La gvidanto de la ludo elektas iun literon (ekz. *e*).

La ludantoj devas trovi vortojn, kiuj komenciĝas per tiu litero, kiun la gvidanto prezentis. La sinsekvaj vortoj havu kreskantan nombron da literoj. Gajnas tiu, kiu havas la plej longan vicon.

Poste, oni elektas alian literon.

Ekzemploj:

| | |
|---|---|
| *E* | *K* |
| *Ek* | *Ke* |
| *Ero* | *Kiu* |
| *Edzo* | *Koro* |
| *Etaĝo* | *Kampo* |
| *Elekti* | *Kuregi* |
| *Elektro* | *Knabino* |






## MIGRANTA[1] LITERO

La gvidanto elektas literon (ekz. *a*). La ludantoj devas skribi vortojn, en kiuj la litero *a* ŝanĝas sian lokon. En la unua vorto, ĝi devas stari je la komenco. En la dua vorto, ĝi okupu la duan lokon k. t. p. Poste, la litero devas reveni al la unua loko.

Gajnas, kiu faris la plej longan vicon.

*D. Berndt*

Ekzemploj:

| | |
|---|---|
| *abelo* | *mi* |
| *fajro* | *amiko* |
| *erari* | *kampo* |
| *hela* | *varmega* |
| *elefanto* | *lampo* |
| *beraro* | *imagi* |
| *grava* | *manĝi* |
| *mateno* | |
| *amo* | |

1. kiu sen'ĉese ŝanĝas sian lokon.

# Kio estas TEJO?

TEJO (*Tut'monda Esperantista Junulara Organizo*) estas la junulara sekcio[1] de UEA[2] (*Universala Esperanto-Asocio*). Ĝis nun, 30 landaj sekcioj (el ĉiuj kvin kontinentoj) al'iĝis al tiu organizaĵo.

En ĉiu jaro, ni organizas Internacian Junularan Kongreson, dum kiu ni diskutas[3] pri demandoj de la junulara movado. Ĉi-jare, la *30-a Internacia Junulara Kongreso* okazos en *Münster* (:minster), GFR.

Tamen, ne pensu, ke la kongresoj havas nur seriozajn labor'programojn. Ili havas ankaŭ riĉan kulturan programon. Koncertoj, ekskursoj, sportaj post-tag'mezoj igas la ĉe'estantojn veraj amikoj.

Kun aparta atento, TEJO sekvas la agadon de la pli junaj esperantistoj. Mi tre ĝojas, ke aperis „*Juna Amiko*", tiu ĉi vere utila gazeto. Mi kredas, ke ĝi multe helpos proksimigi divers'landajn esperantistajn lernantojn; kaj mi forte esperas ke, post kelkaj jaroj, ni povos saluti plurajn el inter vi, en niaj kongresoj. Estas ja certe, ke el la legantoj de „*Juna Amiko*" formiĝos la kun'laborantoj kaj funkciuloj de TEJO. Tial, TEJO nepre sub'tenas la agadon de „*Juna Amiko*".

*D-ro F. Szabó-Felső* (:saboo)
Prezidantino[4] de TEJO

1. sub'organizaĵo pli-malpli mem'stara/ 2. la plej supera tut'monda organizaĵo de la Esperanto-movado/ 3. detale pri'parolas kaj poste decidas/ 4. estrino de TEJO.

## NOVA KONKURSO!

### *Vojo de saviĝo*

*Tiu ĉi historieto okazis antaŭ kelkaj jaroj.*

*La patro de Antonio estis arbaristo, en unu el tiuj malmultaj arbaroj, kiuj restis ne'tuŝitaj*[1] *de la moderna vivo. Ilia domo staris en arbaro, sur la dorso de meze alta monto. Antonio vivis kun sia patro. Li akompanis la patron ĉien, kaj ek'konis la arbojn kaj bestojn de la montaro. Li ellernis ankaŭ pafi per la pafilo de la patro, kaj*





*li ludis kun sovaĝaj bestoj, kiuj multe amis la bon'koran filon.*

*En iu vintra tago, la patro grave malsan'iĝis. Li ne povis el'lit'iĝi. Kaj, ĉar la bestoj de la arbaro estis tre malsataj, la 12-jara Antonio devis manĝigi ilin per fojno*[2]*. Li prenis la pafilon, vestis sin varme, kaj ek'marŝis al la fojn'ejo, kiu troviĝis en distanco de ĉirkaŭ 5 kilometroj.*

*Ek'estis terura neĝa blovado, kaj la patro vane*[3] *atendis la re'venon de sia filo. Pasis unu semajno; la malfeliĉa patro serĉis lin ĉie; sed eĉ malgranda post'signo ne restis . . .*

Verk'emaj geknaboj, daŭrigu la historion, kaj sendu ĝin al la redaktisto *(G. Kurucz*, Árpád krt. 13. IV. 16., H-6000 KECSKEMÉT, *Hungario)* ĝis la *1-a de majo.* Skribu sur papero 21 x 30 cm! La daŭrigo ne transpaŝu 50 liniojn! *La du plej bonaj historietoj aperos en „Juna Amiko".* La dek uŭuaj ricevos unu'jaran abonon por nia revuo.

La konkurson povas partopreni geknaboj ĝis 16-jaraj!

1. kiujn oni ankoraŭ ne tuŝis/ 2. seka herbo, manĝaĵo por bestoj/ 3. senrezulte.

## STRANGA[1] TESTAMENTO[2]

Okazis, ke maljuna ĉasisto, en la nordo, estis mortanta. La tri filoj kun'venis, por aŭskulti la lastan volon de la patro.

„Mi testamentas al vi", diris la maljunulo, „17 junajn hundojn. Dividu[3] ilin inter vi jene: La plej aĝa ricevu la du'onon de la hundoj; la meza: la tri'onon; kaj la plej juna: la naŭ'onon." Li diris ĉi tion kaj mortis.

Antaŭ la filoj staris tre malfacila tasko. Oni povas dividi la nombron 17 ja nek per 2, nek per 3, nek per 9.

Por trovi helpon, la filoj turnis sin al saĝulo, kiu diris:

„Prenu, al'done, mian hundon!"

Tiam, la filoj povis dividi ne 17, sed 18 hundojn. Unu duono de 18 estas 9, unu triono estas 6, kaj unu naŭono estas 2. Poste, ili komencis kalkuli:

$$9 + 6 + 2 = 17$$

„Mi vidas, ke mia hundo estas super'flua", diris la saĝulo. „Ĉiu el vi ricevis sian heredaĵon[4]."

Ĉu vi povas klarigi la strangan aferon?

1. stranga: nekutima, neordinara/ 2. testamento: lasta volo de mortanto/ 3. dis'donu en partojn/ 4. aĵon, kiun iu testamentis.

## interesaĵoj

LA UNUA INTER'PAROLO EN ESPERANTO

La unua interparolo en Esperanto —laŭ pluraj libroj — okazis inter doktoro „Esperanto" *(Zamenhof)* kaj pola inĝeniero[1] *Grabowski* (:grabovski), „patro de la Esperanto-poezio[2]". (Vidu lin ĉi-sube!) Baldaŭ post la apero de la *„Unua Libro"*, en 1887, li vizitis la modestan kuraciston, kaj gratulis al li en flua Esperanto. Ilia amikeco daŭris ĝis la morto.



*MIELO ESTAS UZ'EBLA KIEL KONSERVILO*

*Mielo konserviĝas dum pluraj jaroj, sen difektiĝi. Tion jam sciis la pra'tempaj Egiptoj. Ili tenis birdo'viandon en mielo. Ankaŭ la kadavro[3] de Aleksandro la Granda — kiu mortis dum milit'iro — estis alportita[4] al la hejmlando en barelo[5] kun mielo. Nur antaŭ nelonge, la scienco malkovris la kontraŭ'mikroban[6] econ de mielo.*

MULTAJ GEKNABOJ POVAS LERNI NUR DUM MALPLI OL UNU JARO

Laŭ la Jar'libro de UNESCO[7] (1971), la tempo, kiun individuo[8] pas'igas en lernejo, estas malpli ol unu jaro en du landoj de Latina Ameriko, en deko da landoj en Azio kaj en dek kvin landoj de Afriko.

*SUB KOLORAJ FOLIEGOJ*

*Oni kulturas la fruajn legomojn sub artaj foliegoj. Ili ŝirmas la legomojn kontraŭ fruaj frostoj. Sed nur malmultaj homoj scias, ke la evoluo[9] de la kreskaĵoj multe dependas de la koloro de la foliegoj. Sovetaj sciencistoj pruvis, ke ruĝaj kaj verdaj ŝirmiloj du'obl'igas la rapidecon de la kreskado, kaj sub viol[10]koloraj, ili kreskas eĉ pli rapide.*

*„SILENTA HORO" POR POMOJ*



*Montriĝis, ke la pomoj kreskas pli rapide dum'nokte ol dum'tage. Dum varmegaj tag'mezoj, ili eĉ kun'tir'iĝas. Oni provis ŝirmi pomarbon kontraŭ la tagmeza suno. La fruktoj, por kiuj oni aranĝis „silentan horon", fariĝis pli suko[11]-plenaj, kaj kreskis kaj maturiĝis tri'oble pli rapide ol la fruktoj, kiuj ne ripozis.*

1. homo, kiu planas domojn, maŝinojn k. t. p./ 2. arto pri versaj verkoj/ 3. korpo de mort'into/ 4. kiun oni al'portis/ 5. granda ujo el tabuloj por ekz. vino/ 6. mikrobo: estaĵeto ne'vid'ebla per okuloj/ 7. United Nation Educational, Scientific and Cultural Organisation/ 8. ĉiu el la homoj/ 9. kresko, grandiĝo, maturiĝo/ 10. viola: ruĝe-blua/ 11. akvo de frukto.

# KANTU!

ESPERANTO, LINGVO BELA
Verkis: *H. Koivu*[1] Muziko: *E. Genetz*[2]
El „*Kantoj en Esperanto*"




1. hannes kojvu, finna verkisto/ 2. emil genec/ 3. rapideco de kantado/ 4. sento'plena, festa/ 5. etoso: humoro, kiu akompanas kun'estadon.

## ROMPU LA KAPON!

*Laŭ'paŝe*

Pasu laŭ la vojo, signita[1] per dika linio, kaj faru la necesajn operaciojn[2] tiel, ke vi ricevu la rezulton 4!
La ĝusta solvo estas sur la 23-a paĝo!




*Diagonale*[3]

En'skribu la nombrojn de 1 ĝis 10 tiel, ke en la vicoj, signitaj per sago[4], la sumo[5] de la nombroj estu po 13; en la ne'signitaj diagonalaj vicoj, la sumo estu po 9; kaj vertikale, ĉiu vico havu la sumon: 11!



Sendu la solvon ĝis *la 31-a de marto* al: s-ro *D. Berndt*, Rosenfelder Ring 46, DDR-1136 *Berlin*, GDR.

1. vico, kiun oni signis/ 2. ekz. $2+3=5$ estas operacio de kalkulado/ 3. diagonalo: rekta linio, kiu kuras de pinto al ne'apuda alia pinto de kvar'angulo/ 4. signo, kiu montras direkton/ 5. $3+4=7$; 7 estas la sumo.

# Klubo de Legantoj

Por teni kontakton[1] kun niaj legantoj (ĝis 16-jaraj), la Redaktistaro invitas la abonantojn de „Juna Amiko" fondi *Klubon de Legantoj de Juna Amiko* (KLJA).

ABC POR KOMENCANTOJ

KLJA havas la celon, unu'flanke kunteni junajn esperantistojn; ali'flanke, inter'ligi opajn grupojn kun aliaj grupoj kaj kun la Redaktistaro.

La klubanoj kun'venados laŭ'eble regule. Ili kune legos la gazeton, plu'lernos Esperanton, ludos, amuzos sin, kaj solvados taskojn de la Redaktistaro.

4 ĝis 10 geknaboj el la sama urbo aŭ vilaĝo fondas unu KLJA. (En ĉiu urbo, eĉ lernejo, povas funkcii pluraj KLJA!) La klubanoj elektu unu sekretarion[2] kaj aliajn funkci'ulojn, laŭ'plaĉe.

Post la fondiĝo de KLJA, la sekretario skribu sian unuan raporton (vidu la foto'kopion!) al redaktisto s-ro *J. Chvosta*, Engelsova 289, 290 01 PODĚBRADY, *Ĉeĥoslovakio.*

Ĉiu KLJA elektu por si apartan nomon (ekz. *Verda stelo, Gaja junuloj, Kuraĝaj kastoroj, Ruĝaj leonoj).*

Post la unua raporto, la KLJA ricevos sian KLJA-numeron kaj pliajn informojn. En la sekvaj raportoj (du'on-jaraj), la sekretario devos uzi tiun numeron. Skribu sur papero de 21 x 30 cm!

La klubanoj povas peti la helpon de plen'aĝulo.

Ni atendas la unuajn raportojn!

1. inter'ligon/ 2. gvidanton de aferoj.


KNABOJ DE PLENLUNO

Kutná Hora, Ĉeĥoslovakio

12.01.1974.

Unua raporto.

Laŭ la 1-a numero de "Juna Amiko", ni aliĝas al la "Klubo de
Legantoj de Juna Amiko".
La Klubon fondis ën la kunvëno, kiu okazis hieraŭ en la loĝ-
ejo de Jan Kaval, la jenaj knaboj:

1. Martin Lopet (12-jára knabo), Tylova 32, 284 01 Kutná Hora
2. Jan Vajner (11-jara knabo), Linhartova 18, 284 01 Kutná Hora
3. Márian Mikša (10-jara knabo), Roháčova 36, 284 01 Kutná Hora
4. Cyril Bouda (11-jara knabo), Na Námeti 25, 284 01 Kutná Hora
5. Jan Kaval (12-jara knabo), Linhartova 32, 284 01 Kutná Hora

Ni regule abonas la revuon "Juna Amiko", kaj korespondas en
Esperanto kun 6 landoj. Ni decidis kunvenadi regule. Ni organi-
zos komunajn ekskursojn, piede kaj bicikle. La kunvenoj estas
ĉiam sabate posttagmeze, antaŭ ekskursoj.
La sekretario estas Jan Kaval. Sendu ĉiujn poŝtaĵojn al lia
adreso!
Bonvolu baldaŭ sendi al ni la numeron de nia Klubo.

Kun kora saluto:
Jan Kaval
Jan Kaval

Pluraj amikoj petis, ke ni donu enigmojn iom malsimplajn. Ĉi-foje ni plenumas ilian deziron.

Jen estas kelkaj liter'enigmoj en Esperanto. Ili certe donos plezuron al la „*Kluboj de Legantoj de Juna Amiko*" (KLJA).

Ek, al laboro!

Vi devas trovi, en ĉiu enigmo, la ŝlosilon de la kun'legado.

Se vi sendos 10 ĝustajn solvojn, vi gajnos. Sendu vian leteron ĝis la *31-a de marto* al: S-ro *Dieter Berndt*,
Rosenfelder Ring 46,
DDR—1136 BERLIN

# enigmoj




Jen la ĝusta solvo de nia enigmo „Ĉio kruciĝas" (n-ro 1): *3.* oro; *4.* provi; *5.* areno; *6.* stelo; *7.* ŝtono; *8.* flamo; *9.* ploro; *10.* brosi; *11.* iri.

*Gajnis: Hermann Schröder,* Am Kurgarten 15, D-7822 ST. BLASIEN, GFR; *Dely János,* Donáti utca 49, H-1015 BUDAPEST, *Hungario; Jindřich Tomíšek,* CS-751 18 ŘÍKOVICE č. 67, okr. Přerov, ČSSR. Ni gratulas ilin, kaj ĉiujn, kiuj sendis al ni la solvon de la enigmo.

# KASTORA LETERO

De J. H. SULLIVAN

*Miaj karaj Kastoroj!*

*En ĉi tiu, la unua numero de „Juna Amiko” en la jaro 1974, mi sendas al ĉiuj Kastoroj kaj al ĉiuj geamikoj, en la tuta mondo, miajn plej korajn salutojn kaj bon'dezirojn por la nova jaro. Tiu ĉi jaro estu, por ĉiu el vi, kiel ankaŭ por nia Klubo, jaro de feliĉo kaj sukceso!*

*Post kiam mi skribis la lastan Leteron sur ĉi tiuj paĝoj, nia Kastora Klubo atingis novan stadion*[1] *en sia vivo. Fin'fine, ni havas nian kluban insignon. (Vidu la apudan foto'kopikon!)*

*Ĉar mi devas verki la Leterojn por „Juna Amiko” tre longe antaŭ ilia apero, necesas aperigi ankaŭ nian originalan*[2] *Kastoran Leteron, kiun mi dissendas al ĉiuj anoj. Per ĉi tiu, mi povas doni al vi informojn pli freŝajn. La pli'multon de tiuj Leteroj mi sendas al viaj instruistoj; ĉar, tiel, nia kaso ŝparas multe da mono.*

*Tamen, povas esti, ke kelkaj anoj ne plu vizitas kursojn, kaj ne plu renkontas sian instruiston; sekve, ili ne plu ricevis novaĵon pri la Kastora Klubo. Se vi estas unu el tiaj anoj, kaj se vi estas almenaŭ Bruna Kastoro (kaj ankoraŭ ne ricevis vian insignon), tuj skribu al mi!*

*Jen estas la insigno de la* KASTOROJ!




1. speciala grava tempo/ 2. kiel ĝi estis de la komenco/ 3. teksaĵan/ 4. kun ĝojo, ke vi atingis tre altan rangon/ 5. tiel, ke oni povas fidi je ili.

SPECIALA ALVOKO AL NE-KASTOROJ:

Nun, mi volas paroli iom'ete al tiuj geamikoj, kiuj ankoraŭ ne estas Kastoroj, sed kiuj, mi esperas, baldaŭ an'iĝos.

Ver'ŝajne, vi jam scias, ke la Kastora Klubo estas la unua (kaj ĝis nun la sola) internacia klubo por geknaboj, kiuj scias aŭ lernas Esperanton. An'eco kostas nenion. Por ekscii, kiel iĝi Kastoro, re'legu la unuan numeron de „Juna Amiko" (paĝo 15-a)! Vi rajtos esti Kastoreto dum ne pli ol unu jaro; sed mi esperas, ke vi multe pli frue fariĝos Bruna Kastoro; tio rajtigos vin ricevi kaj porti la belan ŝtofan[3] insignon de la Klubo. Poste, vi povos atingi pli altajn rangojn, ĝis, fine, vi fiere[4] portos la insignon de Ora Kastoro. Komencu do nun! Memoru bone: por aniĝi, vi devas esti ne pli ol 16-jara. Sed, se vi atingos „plenrajtan anecon" (Bruna Kastoro aŭ pli alta), vi rajtos resti ano tiel longe, kiel vi deziros.

*GE'ONKLOJ ESPERANTISTAJ*

*Por esti Bruna Kastoro, unu kondiĉo estas, ke vi korespondu kun almenaŭ unu ali'landa esperantisto. Multaj geknaboj malfacile trovas plum'amikon en alia lando, kaj ne povas teni longan korespondadon kun juna amiko. Ĝuste pro tiuj malfacilaĵoj, ekzistas GEONKLOJ ESPERANTISTAJ! La Geonkloj estas plen'kreskaj esperantistoj, kiuj volas helpi al vi per korespondado. Ili skribos al vi leterojn pri aferoj, kiuj interesas vin, kaj ili fidele[5] respondos al ĉiuj viaj leteroj. Se vi deziras havi „onklon" aŭ „onklion" en alia lando (por fariĝi Bruna Kastoro aŭ ne), skribu al mi, kaj nepre diru vian aĝon; ĉar la „geonkloj" deziras scii, ĉu vi estas juna infano aŭ pli matura junulo. Ankaŭ ĉi tie, la supera aĝolimo estas 16 jaroj. Notu, ke „geonkloj" ne serĉas plumamikojn sam'aĝajn!*

GRAVA PETO:

Fine, mi deziras fari al vi gravan peton. Mi deziras, ke ĉi tiu paĝo estu via paĝo; kaj, por tio, mi petas vin verki ion por ĝi, kiel ankaŭ por la Kastora Letero, kiun mi dissendas per la poŝto. Skribu al mi pri viaj ŝat'okupoj, viaj liber'tempoj k. t. p., kaj mi metos viajn leterojn en la Kastora Letero.

Mia adreso estas:

*La Ĉefa Kastoro,* 3, Berwick Avenue, Urmston, MANCHESTER, M31 1PS, *Anglio.*

●11-ĝis 13-jaraj natur'amikoj deziras korespondi kun geknaboj el la tuta mondo. Ili interesiĝas pri la lerneja vivo, naturo, muziko kaj filatelio. Skribu al: *Verda Stelo,* Piibe mnt. 30, AEGVIIDU, Estona SSR, *Sovetunio.*

●13-jara lernanto deziras korespondi kun la tuta mondo. Adreso: *Aleksandr Siliĉ,* str. Armavirskaja 16-55; SU-340074 DONECK.

●Se vi deziras korespondi kun alilandaj esperantistoj, skribu al la adreso de la redaktisto: *G. Kurucz,* Árpád krt. 13. IV. 16.; H-6000 KECSKEMÉT, *Hungario.*




●15-jara bulgara lernantino serĉas leteramikojn. Skribu al la adreso: *Kapka Jotava Dimitrova,* str. Lajoŝ Koŝut 3, VIDIN, *Bulgario.*

●15-jara estona lernantino deziras korespondi kun multaj geamikoj. La leterojn adresu al: *Reet Karen,* Matrossovi 40, SU-200013 TALLINN-13, *Estonio.*

SOLVO

Antaŭ ol rigardi la solvon, provu ankoraŭ'foje mem'stare solvi la enigmon!

$8 \times 2 = 16$; $16 + 3 = 19$; $19 - 5 = 14$; $14 : 7 = 2$; $2 - 1 = 1$; $1 \times 4 = 4$

JUNA AMIKO

Sub aŭspicio de ILEI
Internacia Lerneja Esperanto-Revuo

de la Hungara Esperanto-Asocio (H-1368 Budapest 5. Pf. 193.). Respondeca redaktoro: BÉLA BERCELI. Redaktoro: GÉZA KURUCZ. Kunlaborantoj: *A. Grigorov* (Bulgario), *D. Berndt* (GDR), *M. Boulton* (Anglio), *J. Chvosta* (Ĉeĥoslovakio), *Ch. Fettes* (Irlando), *A. Grela* (Pollando), *J. Hamvai* (Nov-Zelando), *L. Jevsejeva, B. Kärt* (Sovetunio), *E. Linz* (Brazilo), *U. J. Moritz* (GFR), *R. Okumura* (Japanio), *G. Ősz* (Hungario), *B. Ragnarsson* (Islando), *Z. Rehoriĉ* (Jugoslavio), *J. H. Sullivan* (Anglio), *M. Turin* (Francio), *J. Zágoni* (Rumanio). Grafikistoj: *J. Klement* (Ĉeĥoslovakio), *I. Mórocz* (Svislandio), *S. Plugor* (Rumanio), *Eva Váli* (Hungario), *Z. Vámos* (Hungario).
Lingva revizio: *A. Lienhardt* (Francio), *A. Pechan* (Hungario).

Kiadói Főig. engedély száma: 99010/73.
Dürer Nyomda, Gyula

## SIMPLE

„Kiel oni povas dividi[1] 5 terpomojn inter 6 homoj?" demandas la instruisto.

„Oni devas fari kaĉon[2] el ili", respondas Petro.

## ŜPAR'EMO



*(El la hungara revuo „Füles")*



„Mi ne permesas! Vi ne iros en la akvon, ĝis vi ellernos naĝi!"

*(Pola Esperantisto)*

## FORGES'EMO

„Andreo, kion signifas tiu ĉi ligaĵo je via naz'tuko?" demandas la la instruisto.

„Mia panjo faris ĝin, por ke mi ne forgesu ĵeti leteron en la poŝtkeston."

„Kaj ĉu vi en'metis ĝin?"

„Ne. Ŝi forgesis doni ĝin al mi."

## ĈE KURACISTO



„Pri kio vi plendas[3]?"

1. dis'doni en partojn/ 2. manĝaĵon, kiu aspektas duon'flue/ 3. esprimas doloron per vortoj.

humuro